# INFORMILO POR AMIKA RONDO DE ESPERANTAĴ-KOLEKTANTOJ




1. 9. 1969 Nr. 5.

## DIFERENCOJ KAJ KLARIGOJ

Ĉi foje ni parolu pri tre malnova hispana kgr-marko (katalogo nr. 70) de la unua hispana kaj la sepa kataluna kongresoj, Reus 1916.
Tiu tempe (same kiel ankaŭ pli poste) Hispanio havis la rekordon pri eldonigo de Esperantomarkoj necesaj aŭ malpli necesaj eldonoj, sed almenaŭ kun giganta troigo de diversecoj en koloroj k.s.

Pensu nur pri la fama eldono de Juan Amades: La frazo: Lernu la internacian helplingvon Esperanton! kiel li diris en ĈIUJ LINGVOJ DE LA MONDO. Mi ne scias ĉu li atingis tiun fieran celon, sed almenaŭ oni parolas pri MILOJ de diversaj markoj. Nun oni ja facile atingas grandajn ciferojn, kiam ĉiu folio entenas 25 div-bildajn markojn, kaj oni presas en multaj diversaj koloroj (Mi posedas la 2 unuajn foliojn, kaj nur tio donas ja 50 diversajn markojn al mia kolekto).

Ankaŭ pluraj kgr-markoj de tiu tempo estas eldonitaj de s-ro Amades. La folio de 1916 konsistas de 20 diversaj markoj en 8 diversaj koloroj, eble pli, - kiu scias?

Sed la mirinda, kaj estas tio, kio okupas nin hodiaŭ, estas, ke en 1961 eldonis alia hispana amaseldonisto, s-ro Moreno el Barcelona, tielnomatan REPRESON de la marko de 1916, - sed la represitaj markoj tute ne estas identaj kun la originalaj, ĉu en grando, ĉu en akurateco. Vidu la bildon. Kiamaniere klarigi tion?






Jes, oni ne rajtas dubi pri la vero de la tiama eldiro, ke s-ro Moreno dum vizito en la hejmo de vidvino Amades trovis la originan preskliŝon, kaj ke li faris la represon per tiu origina kliŝo. - Sed la diferencoj inter la originalo kaj la represo estas evidentaj.

Nun, - mi havas teorion - hipotezon pri la evoluo de tiuj faktoj. Mi kredas, ke Amades ne estis kontenta pri la unua preskliŝo kaj tial lasis fari novan pli klaran, kiun oni uzis al la origina preso. Sed, - li ne detruis la kasaciitan kliŝon, - nur konservis ĝin.

Kaj estis tiu kasaciita kliŝo, kiun s-ro Moreno trovis en 1961. -

Mi venis al tiu hipoteza solvo pensante pri tute analoga okazo pasinte en Svedujo; la konata "flageraro" sur la 20-øre valoro de iu jubilea pm-serio eldonita en 1966.

Al la 1966-eldono oni uzis la samajn bildojn de ŝipoj, kiujn oni uzis al la tielnomata ŝipserio en 1936. En 1936 faris Olle Hjortzberg la desegnon, sed la flago sur la ŝipo flirtis en alia direkto kompare de la direkto de la veloj. La unua gravuro havis tiun eraron, sed oni rimarkis ĝustatempe tion, kasaciis la gravuron kaj faris novan korektan. Oni ne detruis la kasaciitan gravuron, sed konservis ĝin.
Kaj 30 jarojn poste volis la sorto, ke oni en la arkivo prenis tiun kasaciitan kliŝon kaj uzis ĝin kiel bason por la nova, jubilea eldono sen rimarki la eraron, ke la flagoj flirtas kontraŭ la vento.

Ĉu la du okazoj ne ŝajnas esti analogaj ?

□

KATALOGA MALFACILAĴO

Laborante kun skribado de katalogo pri Esperanto - glumarkoj oni renkontas multajn problemojn, pri kiuj oni devas spekuli kaj denove spekuli; ĉu nun tio estas io, kion oni devas

kunpreni en la listoj - aŭ ne.
Oni renkontas ankaŭ problemojn, kiujn oni ne mem kapablas ĝisfunde traserci kaj pri kiuj oni ne tuj povas decidi, ĉu ili estas priskribindaj - aŭ ne. En tiuj okazoj oni devas peti helpon ĉe kolekt-kolegoj. Kaj en nia rondo tio signifas, ke oni povas demandi en nia informilo, ĉu inter niaj anoj hazarde estas iu, kiu povas doni pli da sciiĝoj pri la temo.




Ĉar mi ĵus nun batalas kun tiaspeca problemo mi turnas min al vi kaj petas helpon.
Kiel vi scias, mi en la katalogo nur okupas min pri glumarkoj, kiuj estas "porokazaj" aŭ alimaniere estas ligitaj al certaj tempoj. Do, tial mi havas emon kunpreni ĉiujn glumarkojn, kiuj portas tempoindikon.
Nun ni estas je la loko, " kie la hundo estas tombigita", kiel oni diras laŭ proverbo.
Mi lastjare hazarde ricevis glumarkon kun la titolo "Pioniroj de Esperanto" (do ŝajne ekzistas pli da markoj en serio kun tiu kuna titolo) eldonita de entrepreno kun nomo HELO, sed alie sen io, kio montras eldontempon aŭ eldonlandon.
Mia unua demando estas: Kie kaj kiam eksistis tiu eldonejo? Oni ofte renkontas la nomon sur Esperanto - sigelmarkoj. Laŭ la lingvo oni divenas, ke ĝi estas portugala aŭ brazila.
Mi nur posedas unu ekzempleron, kies bildon vi povas vidi ĉi-supre.
Laŭ sciigo de nia ano Rukŝáns eksistas 2 diversaj markoj kun la sama temo. Unu pli detale desegnita kun skravita fono kun nuboj k.t.p.

Koloro verda kun viola portreto. La alia estas tiu, kiun vi vidas sur la bildo. La fono estas malplena, ne skravita, kaj ankaŭ estas aliaj diferencoj. La portreto estas la sama nur nun en nigra koloro. Sube staras: ELD. HELO. 10 - A. La marko memoriĝas pri Alvaro Pontes. Aŭtoro de Esp. sem mestre 8 licões. Nask. 16-10-1902, - Mort. 7-6-1940.

Rukŝáns nomas alian markon laŭ sama modelo kiel la unue nomita. Ĝi memoriĝas pri Jose Vicente Junior. Kursgvidisto, organizinto kaj verkisto. Nask. 22-1-1903. Mort. 10-9-1949. Kaj sube sur tiu marko staras: ELD. HELO. 10 - B.

Pro tio oni pensas, ke eble eksistas pluraj similaj markoj en sama serio.
Kiu scias ion pri tio?

Mia 3-a demando estas: Ĉu mi devus en la katalogo pri porokazaj kaj datitaj glumarkoj kunpreni tiun serion pri Esperanto-Pioniroj ?

Kaj mia 4 - a demando sekvas tuj: Kiamaniere mi eble eventuele povus enviciĝi la serion en la katalogon, kiu ja estas ordigita nur laŭ la kronologiaj faktoj?

Se oni sekvas la principon, ke la markoj nomiĝas sub tiu jaro, pri kiu ili parolas, tio signifas, ke ekz. la 2 nomitaj markoj lokiĝas laŭ la mortjaroj (1940 kaj 1949), do ne kune kiel eroj de sama serio. Tio estus la logika solvo, sed se estas multaj markoj en la serio ili ja faras teruran ravaĝon en la nombroviĉo.

Ĉu oni tial en tiu okazo povus flankeniri de la principo kaj nomi la tutan serion en unu loko sen atentiĝo pri la diversaj mortjaroj?

Jes eble oni povus, se oni nur konis la eldontempon, sed tiun oni ja eĉ ne konas. Kaj oni ankaŭ povus diri, ke estus strange viciĝi ilin laŭ eldonjaro, kiu ne estas montrita sur la markoj, anstataŭ lokiĝi la markojn dise laŭ tiuj tempoindikoj, kiuj fakte staras legeble en la teksto sur la marko. Tiuj nomitaj jaroj estas ja fakte la ununura reala punkto, laŭ kiu ni

povas juĝi en la demando pri vicigo en kronologia listo.

Jes, karaj Arekanoj, mi skribis tion interalie por ke vi vidu kaj komprenu, ke katalogizanto havas spekulaciojn kaj malfacilaĵojn en multaj rilatoj.

Sed - por fini - lasu nin nun unue trovi la markojn, antaŭ ol ni "listigos" ilin.

Mi ripetas la demandojn:

1) Kie kaj kiam eksistis la eldonejo HELO?
2) Ĉu eksistis pluraj markoj en la serio?
3) Ĉu la serio estas taŭga materialo por katalogo pri porokazaj - aŭ datitaj markoj?
4) Se jes, kie en la katalogo oni devus envicigi la markojn,
   a) la unuopaj markoj dise metitaj sub la jaroj por ĉiu unuopa pioniro?
   b) la tutan serion sub unu katalognumero, sub la "eldonjaro"?

Karaj Arekanoj. Mi volonte aŭdus viajn opiniojn pri tiu problemo. Antaŭdankon!

Reinhold Jensen

---

## A R E K A  J A R Ŝ A N Ĝ O

Nia eta Rondo nun plenumis sian unuan jaron. feliĉe sen iuj ajn ĉagrenoj aŭ malfacilaĵoj, sed ni ja ankaŭ ne okupis nin multe pri tiuj "danĝeraĵoj", kie ĝenoj kaj spekulacioj povas aperi. Mi pensas pri la administrada kaj afergvida laboro k.s.

Ĉar ni ja preferas rigardi nin mem ne kiel ordinara asocio, kiu bezonas pli malpli ruzajn statutparagrafojn pri ĉio ajn, kaj estraro publike/elektita, - ni koncentriĝis pri la ideo en nia nomo, estu nur amika rondo de kolektantoj de Esperantaĵoj, - rondo en kiu ni absolute ne okupas nin pri io, kio ne povas havi intereson por kolektantoj, t. e. en nia Informilo

doni sciigojn pri novaj kaj malnovaj detaloj pri Esperanto-poŝtmarkoj, -stampoj kaj glumarkoj kaj simile-

Montris sin nun en praktiko, ke ni povas fari tion sen perdi la energion por starigo de peza statutriĉa administraci-aparato. Nia statuto estas ankoraŭ nur la origina 3-paragrafa.1) La kvanto de membroj estas limigita, (hodiaŭ al 35, sed plialtigo povos okazi). 2) Ĉiu membro rajtas libere esprimi sian opinion pri la gvido de la rondo. 3) La membroj devas sciigi la gvidanton pri la fakoj, pri kiuj li havas intereson. Kaj informi al li - aŭ al la special-servisto (ekz. Stampo-servo) pri novaĵoj sialandaj.

Ni ankoraŭ ne havis elekton de iu ajn. La praktika laboro en la rondo estis farita de membroj, kiuj memvole proponis sin.

Kiel fondinto de la rondo, mi mem ĝis nun faris la ĉiutagan laboron kiel afregvidanto kaj kasisto, kaj mi estas preta daŭrigi tion, se vi estas kontenta pri mi. Alie ni ja devas havi proponon kaj elekton de nova gvidanto.

Same, la laboro kun nia informilo estas farita memvole de Reinhold Jensen, kaj ankaŭ li estas preta daŭrigi. Frank Tichý gvidas la Stampo-Servon. Manko estas nur, ke ni ne havas similan Glumark-Servon.

Eble ni devus skribi ion pri niaj financoj, la kalkulado, sed en aliaj asocioj ni spertis ke tio estas faktoj, kiuj ne multe interesigas la membrojn, eble ĉar tiaj kalkuloj plej ofte nur montras deficitojn. Nia "kalkulo" estas tre simpla, sed montras tamen etan kasenhavon:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Enspezoj: | 30 kotizoj á 6 rkp | = 126,oo | sv. kr. |
| | div. donaĵoj | = 25,8o | - - |
| | | 151,8o | - - |
| Elspezoj: | Fenikso k koresp.. | = 135,8o | - - |
| | kasenhavo | = 16,oo | - - |
| | | 151,8o | - - |

Pli facile estus skribi: Tiom da enspezo! La tuto uzita! ĉar la afero ne povus gliti, se ne multaj etaj eroj estus "senpage" faritaj de la aktivuloj, kaj tio ne figuras en la kalkulo

Sed nun mi ne povas pli prokrasti tion, kion mi volis diri per tiuj linioj: Nun estas tempo por pagi novan kotizon por nia dua jaro.! kaj tio daŭre estas 6 int rkp, aŭ (se tio estas neebla) la saman valoron en poŝtmarkoj.

La redaktoro petis min diri, ke samtempe kun la ensendo de la kotizo ni volonte havu tre precize skribitan adreson por la membrolisto, kaj same precizan kolekt-kodon. Ni intencas fari tute novan membroliston sur aparta papero. Se eble jam kune kun la venonta Fenikso.

Plie: se vi konas fervoran kolektanton en iu lando, kie ni ankoraŭ ne havas membron, bonvolu mencii lian adreson, por ke ni eble invitu lin al nia rondo. Ni ja volonte volus havi membrojn en pluraj diversaj landoj.

Kun "areka" saluto

Ivar Paulsson

---

BULGARA ESPERANTO KOVERTO

Okaze de Esperanto - filatela ekspozicio en Sofia la bulgaraj filatelistoj eldonis specialan koverton kun presita Esperanto-teksto:

FILATELA EKSPOZICIO. SEMAJNO DE AMIKECO.
16 - 22. II. 1969

Sur la koverto estas gluita poŝtmarko kun portreto de la fama verkisto kaj Esperantisto Maksim Gorki. La pm estas stampita kun dato 16.2. 1969. La dato en kiu la ekspozicio estis fermita. La eldonkvanto de tiuj ĉi kovertoj estas tre limigita - nur 200 pecoj. Mi sukcesis akiri 20 ekzemplerojn de la kovertoj por la membroj de nia rondeto. Se iu AREKano deziras posedi la raran koverton, li povos sendi al mi 1 int. rkp. por afranko de la letero, en kiu mi sendos la koverton. La koverton mem mi sen-

dôs senpage. Tiuj, kiuj ne havas eblecon sendi respond-kuponon, povos sendi samvaloran Esp.-stampon, sed mi ne akceptos pm aŭ glm.

L. Leviĉarov

-□□□□-

# "LA STAMPO ANGULO"

## Pri la bulgaraj stampoj.

Jam hodiaŭ niaj filatele aranĝitaj Esp.-objektoj pli kaj pli trovos lokon en internaciaj pm-ekspozicioj. Necesas kompletigi nian materialon - kaj nian konon pri ĝi.

En PRAGA 1968 estis ekz. videbla la 20 gr. pm de Aŭstrujo - presita sur pk. Tiun pk mi neniam antaŭe vidis. Ni malfermu diskuton pri similaj problemoj en nia Fenikso.

Jen, post esploroj en propra materialo kaj konsultoj ĉe kelkaj kolektantoj mi komencas - proponanta al vi korektigon de la listo pri la bulgaraj Esp.-stampoj.

Bulgario

Noto: La bulgaraj stampoj (krom la maŝinstampo nr. 2) estas "apudstampoj". -Ĉiuj sta.j estas nigraj, se alia koloro ne estas nomita.
La poŝto kutime uzas nur nigran.
Aliaj koloroj estas uzitaj de privatuloj.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 1 | Plovdiv | 1947 | 16.6. | 30a bulgara kgr. |
| 1A | Sofia | 1947 | 16.6. | UTK. 30a bulg. kgr. |
| 2 | Varna | 1958 | julio | 33a bulg. kgr. (mst.) |
| 3 | Sofia | 1959 | 14/12 | UTK Zamenhof |
| 4 | Tirnovo | 1960 | 9-12/7 | 34a bulg. kgr. |
| 5 | Burgas | 1962 | 14-16/7 | 35a bulg. kgr. nur ve kaj vi |
| 5A | Sofia | 1962 | 14/7 | UTK 35a bulg. kgr. |
| 6 | Sofia | 1963 | 29/6 | UTK 48a UK-pm ru sur kov. nr. 001-500 ni sur sennumeraj kovertoj |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 6A | Sofia | 1963 | 3-10/8 | 48a | UK |
| 7 | Vraca | 1963 | 27/7 | 19a | TEJO-kgr. *) |
| 8 | Varna | 1968 | 11-17/5 | 20a | IFEF-kgr |

*) Troviĝas nur sur kov. Tiu sta estis uzita nek en kgr-ejo nek en urba poŝtoficejo, ĝi estis nur vendita en ŝtata filatela magazeno, kiu estas oficiala fonto de ĉiuj bulgaraj filatelaĵoj. Verda sta ne estas uzita.

Rudolf Burmeister

-oOOo-

"Novaj" malnovaj stampoj.

La artikolo en lasta Fenikso plaĉis al mi, kaj mi dezirus, ke ĝi fariĝu regula rubriko de nia Informilo. Estas necese zorgeme esplori la materialon kaj eventuale utiligi ĝin ĉe nova eldono de stampa katalogo.

Unue kelkaj rimarkoj al la nomitaj stampoj. Nigra koloro sur ĈE nr. 3 ekestis antaŭ kelkaj jaroj kompleze de oficisto en Poŝta Muzeo en Praha, kie estas konservataj ĉiuj malnovaj stampiloj. Origine en jaro 1934 estis uzita nur verda koloro.

Du-linia Roma 1935 (IT nr. 1A) povas esti vera poŝta apudstampo. Mi vidis ĝin dum ekspo en Karl Marx-Stadt en unika kolekto de amiko Burmeister. Eble kvarc-lampo povus konfirmi ĝian verecon, se la farbo estas identa kun tiu de IT nr. 1.

Sed la pola R-stampo dum 23-a UK en Krakow 1931, uzata anstataŭ regula surgluebla R-slipo, estas de la sama speco, kiel brazilaj TAXA-PAGA priskribitaj en Fenikso nr. 3 paĝo 34. Do ne stampo, sed nur signo por registrita letero. *) Mi ne volas malaltigi ĝian valoron por kolekto kun temo "Esp en la filatelo". Certe koverto aŭ pk kun tiu-ĉi signo estus trezoro por ĉiu ajn Esperanto-kolekto.

Nun kelkaj al mi konataj variaĵoj de malnovaj stampoj:

- Krakow 1931 (PO nr. 1) ekzistas ankaŭ verda. Ekspoziciis ĝin en KMS nia ano s-ro Bartoŝik, kiu partoprenis la kongreson kaj atestas, ke la verdan koloron uzis poŝtgiĉeto en la kongresejo kelkajn horojn post la inaŭguro.
- Warszawa 1937 (PO 2), 29a UK ekzistas ankaŭ viola. Ĝis nun konataj kelkaj pk,j
- Wien 1965 (AU 17) Eŭropa E-konferenco havas ankaŭ stampon kun cifero 4. **)

Informu afable pri aliaj ĝis nun ne konataj filatelaĵoj kaj variaĵoj. Sed estas necese detale kontroli ĉion, antaŭ ol ni sanktigos ĝin kaj rekomendos ĝin por katalogo, - ke ne envenu tien fantaziaĵoj.

Frank Tichý

---

*) Pri tiu aserto povos ekesti miskompreno, ĉar la stampa R-signo vere estas stampo farita de la poŝtoficisto je la ekspedo. La brazilaj "TAXA PAGA" estas signoj, kiujn la sendintoj lasis presi sur la kovriloj antaŭ la enliverado al la poŝt-ekspedo. Ili anstataŭigas alian afrankon. Ili estas speco de afrank-surpreso, kaj ili vere ne apartenas al stamp-kolekto
Sed tute alia demando estas, ke en ordinara E-stamp-kolekto oni devus nur kalkuli kun tiuj stampoj, kiuj estas destinitaj por anuligo de la poŝtmarkoj, - ne pri aliaj stampoj uzitaj interne en la poŝtservo.
La pola R-stampo povas havi lokon en special-kolekto de R-etikedoj. Almenaŭ la 39a UK en Haarlem uzis apartan R-etikedon en la kongresa poŝtejo. Eble ankaŭ aliaj kongresoj havas apartan R-etikedon.(?)
S-ro Gil skribis: Se tiu pola R-stampo meritas esti katalogita, la nederlanda R-vinjeto ankaŭ meritus esti katalogita - ekz. en via Glm-katalogo...!
Mia respondo estas: La pola stampo ne meritas esti katalogita inter E-stampoj ordina-

raj, same kiel la nederlanda R-vinjeto ne meritas katalogisadon inter Esp-glumarkoj porokazaj, malgraŭ ke ĝi fakte estas "marko kun gumo".

**) Ĉu iu el la legantoj povos diri al mi, ĉu oni eldonis glumarkon okaze de tiu E-konf?

Red.

---

2 NOVAJ POLAJ ESPERANTO-STAMPOJ

1) K r a k ó v 1
En tagoj: 22, 23 kaj 24.V.1969 oni uzis rondan Esp-sta.n kun teksto: 50-JARA JUBILEO DE MINIST-FANDISTA AKADEMIO KRAKOW 1. kaj dato. En la mezo estas aglo (emblemo de la pola ŝtato), kiu sur la brusto montras ŝildon kun 2 minist-marteloj kaj monogramo: AGH. (en pola lingvo: A = Akademia, G = Górniczo, H = Hutnicza). En Esperanto: Minist-fandista Akademio. Super la aglo staras: KRAKÓW, kaj sub ĝi la jarciferoj: 1919 - 1969. Same kiel ĉe multaj aliaj tiaj Esp-stampoj la dato-ciferoj ne estas moveblaj, kaj tial oni devis ĉiu-tage uzi novan stampilon. Entute 3.

2) Poznán 2
En tagoj: 8-17.VI.1969 oni uzis Esp-sta.n okaze de internacia foiro en Poznán. Meze en la ronda stampo estas emblemo kaj la foira halo, sub tio Poznán 2 kaj dato. Supre estas pola surskribo: Międzynarodowe Targi Poznánskie * malsupre estas sama surskribo en Esperanto: Internacia foiro en Poznán. Meze inter la 2 surskriboj la kuna numero per romaj ciferoj: XXXVIII.
Oni uzis 10 stampilojn, ĉiu tago unu kun ŝanĝita dato. Okaze de la foiro estis la lastan tagon, 17.VI.69. organizita balon-poŝto. Ĉiu sendaĵo balonpoŝta devis porti specialan glumarkon en pola lingvo. La pm.j estis stampitaj per la Esperanto-stampo de la foiro.

Bielak Stefan

8888
QQQQ

## STAMPO - SERVO INFORMAS

Post 6 monatoj de funkciado Stampo-Servo povas montri jenajn rezultojn:

10 membroj aliĝis por novaĵ-servo ĝis nun kaj mendis entute 15 pecojn de ĉiu nova stampo. Plejparte ili samtempe estas liverantoj de novaj stampoj de siaj poŝtoj kaj per ilia helpo mi povis el 8 ĉi-jaraj stampoj, pri kiuj mi ĝis nun scias, 7 prizorgi por novaĵ-servo en sufiĉa kvanto. Nur stampon Budapeŝto mi ne sukcesis prizorgi, ĉar en Hungarujo ni ne havas membron, sed mi ankoraŭ klopodas akiri ĝin por vi.

Stoko de malnovaj stampoj, kiel vi vidas laŭ nova listo, tre kreskis dank'al riĉaj donacoj de niaj anoj: Heimlich (40), Burmeister (28), Jensen (27), Bielak (25), Chappelier (24), Váňa (20), Strönne (14), Leviĉarov (13), Amouroux (12), Paulsson kaj Tichý. Certe tiuj stampoj, kiuj ĉe ni kuŝus senmove plurajn jarojn, faros bonan servon al aliaj kolektantoj kaj alportos profiton al AREK. Pluajn malavarajn donacojn mi daŭre danke akceptos.

Mi fondis la Stampo-Servon kun unusola celo: per vendado de la stampoj gajni kiel eble plej multe da rkp kaj tiel krei firman financan bazon al la klubo. Sed ne ĉie la rkp estas riceveblaj, kaj niaj membroj en nepagipovaj landoj eble sentus diskriminacion. Do mi proponas fari por ili escepton en tiu senco, ke ili povus por ĉiu stampo, kiun ili dezirus de la listo - anstataŭ 2 rkp sendi 2 aliajn Esp-stampojn. Sed mi petas nur bonkvalitajn stampojn, kiuj ne estas en la listo, alie amasiĝus la samaj stampoj en kvanto tute nevendebla. Tamen membrojn en landoj, kie rkp estas riceveblaj en ĉiu poŝtoficejo, mi petas uzi ilin por pagi stampojn. Ili tiel tre helpos al la klubo kaj al pli ofta aperado de Fenikso. Kredu, ke la prezo 2 rkp por unu stampo, ĉu nova aŭ malnova, ne estas alta. Ĝi ja prezentas nur duoblan leterafrankon. Memoru do, ke ĉiu donaco al Stampo-Servo aŭ aĉeto

de ĝi estas tre utila kaj revenos al nia kolektivo. - Kun ĝojo mi legus en viaj leteroj aŭ en Fenikso sugestojn kaj eĉ kritikojn koncerne la Stampo-Servo. Ne, ĉiam la plej bona volo faras la plej bonajn agojn. Kaj por fino mi petas: sciigu al ni ĝustatempe (sufiĉas pk) pri ĉiuj nova poŝtstampo en via lando kaj prizorgu necesan kvanton por novaĵ-servo. Frank Tichý

☐☐☐☐☐

P O Ŝ T S T A M P O J 1969

1) Paris 132. februaro - 8/4 1969
maŝin-varbstampo por 24-a kongreso de SAT-Amikaro. En rektangulo maldekstre de la ĉiutaga stampo de poŝtoficejo Paris 132 estas teksto: ESPERANTO - 24e CONGRES PARIS 5.6.7.8. AVRIL 1969

2) Strasbourg, Francujo. 5-6/4 1969
ronda stampo okaze de la Unua Franca - Germana Esperanto - Kongreso ( 61a franca kaj 47a germana naciaj kgr.j)
La LKK eldonis krom specialaj koverto kaj pk ankaŭ 350 numerigitajn poŝtkartojn kun propramanaj subskriboj de prezidantoj de ambaŭ landaj asocioj. La kartojn oni vendis por po 10 steloj.

3) Göteborg, Svedujo. 5-7/4 1969
ronda senkadra stampo okaze de la 63-a jarkongreso de S.E.F. Oni eldonis specialan pk.n, kiu tamen ne portas rimarkon pri la kgr, nur la vortojn: "Memoraĵo pri Gotenburgo"

4) Avignon, Francujo. 19 - 22/5 1969
ronda stampo okaze de 21-a IFEF-kongreso Ekzistas specialaj kov kaj pk.

5) Kraków 1, Pollando. 22 - 24/5 1969
50-jara jub de Minist-Fandista Akademio. Vidu pri detaloj antaŭe pĝ. 72.

6) Budapest. 24/5 1969
ovala stampo. Internacia Esperanto Ekspozicio de infandesegnaĵoj. 5-pinta stelo kun 3 infanoj antaŭ globo en la ovalo.

7) Poznán 2. Pollando. 8-17/6 1969
38a int. foiro. Vidu detaloj sur pĝ. 72

8) La Laguna, Hispanujo. 5-10/7 1969
29a hispana kongreso. Ronda stampo.

9) Gyula, Hungarujo. 6-13/7 1969
Somera Esperanto Universitato. La teksto en senkadra cirklo ĉirkaŭ stelo.

10) Abaliget, Hungarujo. 14-24/7 1969
2a int. renkontiĝo de Esperantistoj-Naturamikoj. Teksto en senkadra cirklo ĉirkaŭ stelo.

11) Helsinki - Helsingfors. 26/7 - 2/8 1969
54a UK. Rektangulara stampo. Supre kaj sube la 2-lingva urbnomo, en la mezo dato kaj kgr-emblemo.

12) Novi Sad, Jugoslavio. 3-8/8 1969
42a SAT-kgr. Granda stelo, sur ĝi ronda senkadra teksto kaj urbnomo. En la mezo granda E kaj dato. Ordinara nigra, sed verda troviĝas (rara). Of. kov kaj pk.

13) Tyresö, Svedujo. 3-10/8 1969
TEJO-kongreso.

Frank Tichý

---

GLUMARKOJ 1969. (Daŭrigo)

5) 42a SAT-kgr. Sur dua eldono de tiu glm estas la ruĝa koloro anstataŭigita kun helbruna (1000 fol). Ankaŭ kgr-pk en tiuj koloroj.

12) La hungara Esp-asocio eldonis folion kun 6 div. nedatitaj, dukoloraj markoj. Ĉiuj ses troviĝas 4-foje en la folio, kiu enhavas

24 markojn (4x6). Nigra kaj verda.
a) meze: stelo en blanka cirklo.
b) meze: stelo en blanka cirklo kun nigra rando. Supre flago kun vorto: Esperanto
c) Esperanto Lingvo internacia de la paco. en la fono packolombo kun Esp-stelo
d) stelo en blanka cirklo kun larĝa, verda kadro. En la 4 anguloj po unu stelo
e) duobla nigra cirklo kun enskribo. Meze: stelo kaj turo de "la fiŝista bastiono"
f) sur nigra silueto de la Parlamentejo: Hungara Esperanto Asocio.

Folio:

| | |
|---|---|
| aaaa | Tipo a havas nur la duonan gran- |
| bbbb | don de la aliaj. La plej atentem- |
| cdcd | aj kolektantoj povas rimarki, ke |
| dcdc | ĉiuj de la 6 bildoj aperas sur |
| efef | papero de iom malsama grando kaŭ- |
| fefe | zita de la dentumigo. ne grava. |

13) En Pécs (elparolu: Peĉ) aperis nedatita glumarko. (H)(42x21) fol. 2x3=6. Verda. Teksto: GRUPA VIVO Informaj kajeroj por Esperanto-grupoj. Pécs. Hungario.
14) Okaze de 7-a somera Esperanto Universitato en Gyula, Hungario - aperis glm sen plia datumigo. Verda teksto en ŝildforma kadro, meze silueto de la fama fortikaĵo en Gyula. (V)(32x39) fol. 3x2=6. Ekzistas raraĵo: 5 nedentitaj folioj. (rap.:D-ro Szemenyei)

---

Lastmomente ni bonvenigas 4 novajn membrojn:

31) D-ro Vincent Toht, Veronica -u 4 Budapest II. Hung. Kol. Pm kaj maksimumkartojn.
32) Janusz Mikulski, skr. poczt. 30. Olsztyn 1 Pollando. Kol. E-aĵojn.
33) Stanislao Biesaida. P.O. Box 44. Czestochowa 1. Pollando. Kol. Pm. sta.
34) Richard Wluka, Bremer Str. 8. D-3. Hannover-Leinhausen. Kol. Esp-aĵojn.

ĜIS REVIDO! 1.AN DE NOVEMBRO.